# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

26a jaro Januaro/Februaro 1974 N-ro 1

*2 konataj danaj kolegoj ricevis la oran insignon de la dana FISAIC-sekcio pro siaj meritoj dum preparado kaj arangado de la 25a IFEF-kongreso. Gratulon al Henning Hauge (maldekstre) kaj Ingvard Kensing.*




## *LA 26a KONGRESO DE IFEF* EN TARRAGONA

KONGRESEJO: Sindikata Restadejo de Edukado kaj Ripozo TARRAGONA.

KONSTANTA KONGRESA ADRESO: 26a IFEF KONGRESO DE ESPERANTO,Ronda S. Antonio 46, 2º, 4a — BARCELONA 11

———————

KASISTA ADRESO: 26a IFEF-KONGRESO DE ESPERANTO CENTRAL-BANK. Agencia 19, — Avda. Jose Antonio no. 780, Konto 3538/50. — BARCELONO 13.

———————

*KONGRESKOTIZO:*
800 pesetoj.

Familianoj, pensiuloj kaj gejunuloj ĝis 20 jaroj: la duonon.
Simpatiantoj: minimume 100 pesetoj.

~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~

GLUMARKOJ

Glumarkoj pri la 26-a IFEF-Kongreso estas haveblaj ĉe la konstanta adreso.; folio kun 9 glumarkoj kostas 3 pesetoj plus afranko. Ekzistas glumarkoj en tri diversaj koloroj.

ALIĜILOJ:

Aliĝiloj estis senditaj rekte al la landaj komitatanoj la 25-an de oktobro. Bonvolu peti la aliĝilojn de viaj komitatanoj; tamen se ili jam ne plu havas aliĝilojn, faru fotokopiaĵon el ĝi aŭ uzu samformatan paperon.

En la 3a paĝo de la aliĝilo ni erare skribis ke 6a kategorio «postulas» kompletan pensionon dum la kongressemajno. Ni volas klarigi ke la prezo de tiu kate-

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**
**Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio**
**Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio**
**Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio**
~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~~

gorio «NE POSTULAS» sed ENTENAS aŭ INKLUDAS kompletan pensionon. Do, ĉiuj kongresanoj kiuj elektis tiun kategorion rajtas ricevi manĝaĵon kaj tranoktejon. Tamen ili estas liberaj tie manĝi aŭ ne manĝi, dormi aŭ ne dormi.

EKSKURSOJ:

La Ekskurso «A» okazos dimanĉe posttagmeze kune kun la Urba Rondveturado. Do, ĝi konsistos el urba rondveturado kaj ekskurso al San Paŭlo de Ordal kie okazos la inaŭguro de Esperanta Muzeo en tute nove konstruita domo por tiu celo.

La ekskurso «C» al Tortosa ni ne povos efektivigi ĉar la kastelo nun estas fermita pro kaŭzoj de transformiĝaj laboroj kaj la interna vizito estas malpermesata. Do, ni anstataŭos tiu ekskurso per la ne malpli interesa vizito al la fortikaĵo de «Peñiskola» kaj sia ĉirkaŭanta vilaĝeto situataj interne sur la maro iom pli sude de la urbo Tortosa.

FILATELIO:

Bedaŭrinde la Poŝta Ministerio rifuzis nian proponon por eldoni memorigan poŝtmarkon pri la 26-a IFEF-kongreso. Per letero sendita al nia Prezidanto ili bedaŭris ne povi plenumi nian peton ĉar jam delonge estis planita por 1974 la eldono de fervoja poŝtmarko kiu rilatos al la 125-a datreveno de la unua fervojlinio en Hispanio.

Nun ni petis al la Poŝta Direktoro specialan stampilon por la kongressemajno. Espereble ni sukcesos en tiu peto.

«ESPERANTOEXPRESO»

Laŭ la ĝis nun ricevitaj aliĝiloj ni konstatas ke la plejmulto de partoprenantoj al la 26-a IFEF-kongreso intencas atingi Tarragona la 11-an de Majo ĉirkaŭ tagmeze. LKK-anoj traktis tiun aferon kaj decidis aranĝi por la kongresanoj direkta vagonaro de Port-Bou ĝis Tarragona. Tiu ĉi «ESPERANTO EXPRESO» atendos en Port-Bou la francajn trajnojn 345 kaj 377 kiuj alvenas al Port-Bou je la 5,45 kaj je la 6,24 devenantaj el Italio, la unua kaj el Skandinavio, la dua. Do, nia «Esperanto Expres» forveturos el Port-Bou ĉirkaŭ la 7a horo kaj alvenos al Tarragona ĉirkaŭ tagmeze.

Sendube «Esperanto Expreso» estos kondukata kaj kontrolata per esperantistaj fervojistoj.

Por la partoprenantoj devenantaj el Parizo per trajno No 473 kiu alvenas al Port-Bou je la 8,51 oni povos uzi vagonaron 102 «Barcelona Expreso» kiu forveturas je la 10a horo kaj alvenas al Barcelono je la 13,20; ĉi tie oni devos ŝanĝi al ekspresa vagonaro kiu forveturas je la 13,52 kaj alvenas al Tarragona je la 15,25. Alia ebleco estas uzi luksan dizelmotorvagonaron kiu postulas krompagon kiel rapida trajno; ĝi forveturas el Port-Bou je la 9,50 kaj alvenas al Tarragona ja la 13,23. Tiu ĉi motorvagonaro (T.E.R.) havas tre limigitan nombron da sidlokoj.

Ni petas al tiuj kiuj intencas uzi la «Barcelona Expreso» bonvolu sciigu tion al LKK por ke ni reservigu kompletan vagonon por la kongresanoj.

Tiuj kiuj alvenos per aliaj vagonaroj bonvolu turnu sin al la «Kongresaj Informejoj» starigitaj ĉe la perono de la stacioj de Barcelono kaj Tarragona.

Deĵorhoraro en la «Kongresaj Informejoj» estos:

BARCELONO. La 11-a da Majo de la 9 horo ĝis la 22-a horo.

TARRAGONA. La 10-a de Majo de la 9-a horo ĝis la 24-a horo.

TARRAGONA. La 11-a de Majo de la 5-a horo ĝis la 24-a horo.

TARRAGONA. La 12-a de Majo de la 5-a horo ĝis la 8-a horo.

Kiuj alvenos per aŭtomobiloj, aŭtoĉar-

oj, aŭ ne konvenaj horoj, bonvolu iru direkte al la Kongresejo «CIUDAD de EDUCACION Y DESCANSO» situata kvar kilometroj survoje al Barcelono.

*LKK — Redaktoro*

STATISTIKO

Aliĝis ĝis 31. 12. 1973. — El Aŭstrio, 8; Bulgario, 4; Ĉeĥoslovakio, 4; Danio, 7; Francio, 1; Germanio, 29; Hispanio, 36; Hungario, 14; Italio, 13; Jugoslavio, 3; Nederlando, 4; Norvegio, 1; Polio, 5; Svedio, 6; Svisio, 7; Entute: 142 el 15 landoj.

Aliĝis simbole: el Aŭstrio, 1; Hispanio, 9; entute 10 el 2 landoj.

# SANT CARLOS DE LA RAPITA

Ĉe suda parto de la delto de rivero Ebre, la tero amasigita ĉi tie formas la havenon La Alfacs. (Sablobenkoj). Ĉe la enirejo de tiu ĉi natura haveno, la plej granda en la tuta Mediteraneo, staras Sant Carlos de la Ràpita. La aktuala urbo estas sekvo de projekto de Karlo III, kiu, rimarkante ke en tiu ĉi natura formacio povus ankradi, se necese, la tuta mararmeo de la imperio, li pensis profiti ĝin. Lia intenco estis starigi tie grandan urbon, sed pro diversaj kaŭzoj la afero ne multe prosperis. En la jaro 1778 mortis la reĝo kaj, post la falo de la ministro Floridablanka, estis ĉesigitaj la laboroj iniciatitaj. Ankoraŭ nuntempe estas videblaj restaĵoj de la konstruaĵoj nefinitaj, inter ili la «Kapeleto», preĝejo kiun oni ne finkonstruis, kaj ĉi tiuj konstruaĵoj iom post iom disfalis.

La historio de la urbo komenciĝas multe pli frue. Oni identigas ĝin kiel la antikva Hemeroscopeion. Dum la mezepoko estis okupita de la araboj, dum kies regado estis unu «RABIDA» (monaĥejo). El tio devenas ĝia posta nomo de la urbo. Rekonkerita de Ramon Berenguer IV, ĝi dependis sinsekve de la monaĥoj de Sant Cuguat del Vallès, de la ordeno de la templeroj kaj de la Krono.

Nun ĝi estas haveno kiun oni uzas por trenfiŝkapto, por interna trafiko de la delto: rizo, salo, karbo, oranĝoj ... La verkisto Josefo Pla rilate ĝin diras: ĝi estas vere rava panoramo, sed de malgranda reala utilo; tio estas, nur industria kaj marista utilo. La panoramo de la maro en kvieteco, la senmova akvo inter terbrakoj, estas neegalebla. La maro, kiu ĉi tie similas lagunon — alprenis ĉiujn eblajn nuancojn, ĉiujn kombinaĵojn. La blueco — malklara, nedifinita — saturas ĉion, eĉ la lumon, kiun ĝi subigas al fajro kaj al senfina zigzago sur la fajna patino de la malpeza palpitanta akvo. Tamen oni ne devas forgesi ke tie ĉi oni povas gustumi delikatajn fiŝojn kaj ĝiajn famajn angilidojn.

*LKK — redaktoro*

# IFEF-POSTKONGRESO EN CALELLA DE LA COSTA BARCELONO-HISPANIO

18 — 21 de majo 1974.

POSTKONGRESA ADRESO:
S-ro Félix de Valois
Hotel Mediterráneo
CALELLLA (Barcelona).

BANKO: Caja de Ahorros Provincial de la Diputación de Barcelona, sucursal de CALELLA, konto n-ro 390.

PROGRAMO:

*Sabaton la 18-an de majo:* Post la IFEF-Kongreso, okazonta en Tarragona, speciala kongresa vagonaro startos el la Tarragona stacio je la 8-a horo matene. Ĉe la alveno en Barcelona esperantistoj bonvenigos vin, kaj dum la tuttaga vizito tra la urbo, ili akompanos vin kaj montros al vi la plej pitoreskajn vidindaĵojn, tio estas, la Fervoja Muzeo, la Gotika Kvartalo, la mondfama monto Tibidado, la Parko Güell, La Templo Sankta Familio, la monto Montjuic kaj la Hispana Vilaĝo.

Vespere, okazos frata vespermanĝo en la restoracio «La Pérgola».

Je la 22-a horo, ekvojaĝo al la postkongresa urbo CALELLA DE LA COSTA (elparolu: Kalelja de la Kosta), kiu situas 50 km de Barcelona. La lokaj samideanoj helpos kaj distros vin.

*Dimanĉon la 19-an de majo:* LIBERA TAGO. Tagmeze, okazos la inaŭguro de Strato Esperanto. Vespere kaj nokte, oni laŭvole eblos viziti diversajn kabaredojn kaj festejojn.

*Lundon la 20-an de majo:* Je la 9-a horo matene, perŝipa tuttaga ekskurso, amuziga kaj instrua, laŭlonge de la Mediteranea «Costa Brava» (klifa marbordo), elŝipiĝante ĉe kelkaj ĉarmaj apudmaraj vilaĝoj. Vespere, reveno en Calella'n.

*Mardo la 21-an de majo:* LIBERA MATENO. Posttagmeze, ekskurso al la vilaĝo BLANES, kie oni vizitos la «Botanikan Ĝardenon», kaj ĉeestos la fiŝaŭkcian maristan halon. Nokte, ni ĝuos elstaran Andaluzan dancfestivalon.

*Merkredon la 22-an de majo:* ADIAŬA TAGO.

*PREZO:* 2.950,— pesetoj. La prezo inkludas kompletan pensionon en la hotelo, ekskursojn kaj viziton tra Barcelona kun vespermanĝo.

# CALELLA LA POSTKONGRESURBO

Calella, la bela urbo kie okazos nia postkongreso eble estas la pli taŭga por gastigi la postkongresanojn; post dudek jaroj devenis vera kosmoglota kaj kosmopolita urbo. Ekde 1952 ĉiu somero pligrandiĝas la nombro de loĝantoj en pli ol 50.000 turistoj kiuj unue estis nur germanoj sed poste angloj, francoj, nederlandanoj, ktp., formis vera mozaiko da naciecoj. Bela etoso por internacia postkongreso de esperantistoj. Pri la turisma kapableco de tiu ĉi urbeto ni nur devas diri ke la normala 10.000 loĝantoj, preskaŭ senekscepte vivas por zorgi la restadon de la 50.000 gastoj dum la somero kaj estas 250 la gastodomoj kaj miloj la apartamentoj.

La vilaĝo estis fondita en 1338 por Bernat II de Cabrera kaj dum la 15a jarcento la vilaĝeto akiris kategorion de urbeto kaj sendependigis de la najbara urbo Pineda.

Kun la eltrovo de Ameriko la haveno fariĝis grava en la 16a jarcento kaj samtempe komencis aktiva teksaĵa industrio kun kapableco por konstrui ankaŭ teksilajn maŝinojn. En 1925 Calella ricevis la kategorion de «Urbo». La industria krizo atingis la urbon en 1950 por la invado de la sintetikaj fibroj kaj la industria urbo fariĝis turista urbo. La haveno nuntempe ankoraŭ estas sekura rifuĝejo por malgran daj ŝipoj.

En la urbo estas interesaj monumentoj. La monaĥejo nomita «el la du urboj» ĉar estas situata en la limoj mem de Calella kaj Pineda; unue estis kapuĉenoj la loĝantoj; poste agustenoj; ĝi estis konstruita



*Calella — Klifa marbordo*



*Barcelono — Gotika Kvartalo*

en 1699. La ĉefa preĝejo honore al sanktulino Maria datas de la 18a jarcento; estis konstruita laŭ neoklasika stilo kun barokaj elementoj devenantaj el la unua preĝejo konstruita en 1943-64. Aliaj meritoplenaj konstruaĵoj estas la domoj Galcerán kaj Sevilla, ambaŭ de la 15a jarcento, same ol la turo el la kapeleto de «Sant Elm». En la proksimeco ekzistas lumturo en pitoreska situacio de kie oni povas kontempli granda parto de la marbordo.

Resume: bela urbo por ripozi post la ŝarĝita programo de la kongreso.

*LKK — redaktoro*

# NOVA MUZEO PRI ESPERANTO EN SANKTA PAŬLO DE ORDAL HISPANIO

En la programo de la 26-a IFEF-kongreso okazonta en Tarragona estas antaŭvidita inaŭguron de HISPANA ESPERANTO MUZEO (H.E.M.) dum la ekskurso al «Sant Pau d'Ordal» la 12-an de Majo posttagmeze.

La inaŭguro temas ne por inaŭguro de la muzeo, kiu funkcias ekde 1968, sed de nova ejo speciale konstruita por muzeo ĉar la ampleksa salono kiu la fondinto destinis en sia apoteko por Esperanta Muzeo fariĝis tiel malgranda kaŭze de la granda amaso de materialo kolektita, ke hodiaŭ jam ne estis muzeo sed magazeno de esperantaj havaĵoj. Proksime al la apoteko, mallonge nur cent paŝoj kaj en strato Zamenhof no 12 oni konstruis beletan domon en 250 m² inda por muzeo. Kun tiu konstruaĵo Esperantujo posedos propran domon por gardi la valoran materialon kiu estas sia historio kaj sufiĉe granda por enhavi ĉiuj specoj de esperantaj aĵoj kaj komforte oni povos konsulti ĝin.

Certe ke la plej valorega materialo estas la libroj kaj gazetoj aperintaj ek de

la unua momento en Esperanto kaj pro tio la ĉefa celo de la fondinto estas kolekti ĉiujn esperantajn eldonaĵojn aperintaj sed ampleksas la kolektadon al ĉiu speca materialo en kaj pri Esperanto (broŝuroj, katalogoj, anoncoj, afiŝoj, programoj, cirkuleroj, leteroj, fotoj, medaloj, insignoj, vignetoj, ktp. ktp.).

La fondinto konfesis al ni ke sia ĉefa preokupo estas la daŭriga perdo de esperantaĵoj kio okazas ĉiam en la morto de iuj ajn esperantisto. Malfeliĉe multfoje la familianoj de esperantistoj ne nur estas neesperantistoj, sed kontraŭ esperantismo kaj tiu motivo estas kaŭzo ke post la morto, la unua paŝo estas purigi la domon de «verdaj mikroboj» kaj elĵeti en la paperan korbon ĉiun esperantaĵon havebla. La muzeo ne deziras forpreni nek unu esperantaĵon al neniu, kontraŭe estas preta por disdoni la duoblaĵojn sed kore petas al la esperantistoj ke ili forĵetu nenion; SENDU VIAN SUPERFLUAN MATERIALON AL LA MUZEO kaj disponu al via morto vian esperantaĵojn ne estu forĵetitaj, disponu ke ĝi estu donacotaj al la muzeo. Se la multekosta afrankkosto de la sendaĵoj estas kaŭzo de neebleco de la sendado, la Muzeo ĉiam estas preta por pagi la afrankkoston de la sendado kiel «rekomenditan presaĵon». ANKORAŬ ESTAS TEMPO POR SAVI MULTAN PEREONTAN MATERIALON. Estas tre interese por la historio de nia movado kolekti la plej grandan kvanton eblaj de leteroj, cirkuleroj, bultenoj, kaj bultenetoj ankoraŭ saveblaj kaj ĉiam bezonataj por rekonstrui la veran historion de niaj lokaj, landaj, fakaj kaj internacia movado.

En la nova konstruaĵo oni disponos de ampleksan salonon por biblioteko; ankaŭ estas oficejo, laborĉambro por la direktoro salono por ekspozicioj, akceptejo por vizitantoj kaj magazeno por duoblaĵoj, enpakado kaj malenpakado de sendaĵoj, ktp.

La busto de D.ro. Zamenhof en la enirejo apartenis al la malnova esperanta grupo de Barcelona «Nova sento» kies havaĵoj estis unu el la unuaj donacitaj al la muzeo.

La belaj literoj kiu ornamas la facadon

Ni sugestas al ĉiuj eblaj vizitontoj la donaco al la muzeo de superfluan materialon de li ne bezonata; sed tiu materialo estas la valora donaco kaj kontribuo de la hispanaj fervojistaj esperantistoj kaj propramane desegnitaj kaj konstruitaj.

mankas al la muzeo estos valora donaco, kaj se temas pri jam posedata materialo, tre valoros por interŝanĝo kun aliaj muzeoj kaj bibliotekoj. Ankaŭ ni sugestas al ĉiu studemuloj interesataj en iu ajn aspekto de Esperanto bonvolu skribi kaj kontakti kun la muzeo, do la direktoro certe tre ĝojos serĉante por vi la deziratan daton kaj kunlabori en via laboro por ESPERANTO.

*LKK — Redaktoro*

# TAGORDOJ POR LA 26-a IFEF-KONGRESO EN TARRAGONA HISPANIO

*Tagordoj por la 26-a IFEF-kongreso en Tarragona Hispanio.*

*Tagordo por la 1-a kunsido estraro-komitato* (ne-publika).

- 1) Malfermo kaj konstato de la mandatoj
- 2) Diskuto pri estrarelekto
- 3) Elekto de komitatano A de UEA
- 4) Honorigoj

5) Jarraportoj — sistemo, daùrigo
6) Diskuto rilatoj FISAIC, ITF, UEA, kaj ev. aliaj
7) Diskuto kongresproponoj
8) Diversaĵoj

*Tagordo por la 2-a kunsido estraro-komitato* (publika)
1) Malfermo kaj konstato de la mandatoj
2) Raporto pri komitata laboro
3) Resumo de raportoj landaj asocioj
4) Rilatoj al aliaj organizaĵoj
5) Kontaktkunveno kaj faka prelego UK Hamburg 1974 ev. 1975
6) Laborplano
7) Libera diskutado

*Tagordo de la Plenkunsido* (publika)
1) Malfermo kaj konstato de la mandatoj
2) Ricevitaj telegramoj kaj leteroj
3) Kongresraporto 1973 Århus
4) Estraraj raportoj
5) Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj
   5.1 Terminara komisiono
   5.2 Fakprelega komisiono
   5.3 Junulara sekcio
   5.4 Komitatano A de UEA
6) Konfirmoj
   6.1 Komisionaj sekretarioj
   6.2 Junulara gvidanto
   6.3 Honorigo
7) Kongresproponoj
8) Budĝeto 1975
9) Estrar-elekto
10) Elekto de revizoroj
11) Elekto de kongreslokoj 1975 kaj 1976
12) Varbado
13) Libera diskuto

*Tagordo por la kunsido de la Terminara Komisiono*
1) Laboro pri UIC-leksikono
2) Laboro pri terminareto
3) Tradukado de internaciaj konvencioj, reglamentoj, ktp.
4) Sugestoj, proponoj al Terminara Komisiono kaj al aliaj laboroj rilate TK
5) Elekto de sekretario
6) Eventualaĵoj

*Tagordo por la kunsido de la Fakprelega Komisiono*
1) Konciza raporto pri la interkongresa agado
2) Taskoj de la konsilantaro (regularo 4.d kaj 14)
3) Programskemo, gvidlinioj kaj tabeloj
4) Problemoj de reviziado kaj limdatoj
5) Elekto de sekretario laù aldono III (6) de la statuto
6) Prelegotemoj kaj kunlaborantoj por la 27-a kaj 28-a kongresoj; planitaj prelegoj kaj fakaj eventoj en aliaj renkontiĝoj.
7) Diskuto

*Kurt Greutert*

# KANDIDATOJ POR LA ELEKTO DE IFEF-ESTRARO 1974-1976

Por la estrarelekto en Tarragona, kiu devos okazi laù statuto por du-jara periodo estas re-elekteblaj:

Joachim Giessner, ĝisnuna prezidanto
Wim L. van Leeuwen, ĝisnuna vicprezidanto
Elfriede Kruse, ĝisnuna sekretariino.

Por la funkcio de kasisto kandidatiĝas pro demisio de la malnova funkciulo, nova persono:


*Henning Hauge*


*Guy Delequaize*

HENNING HAUGE

Henning Hauge kiun multaj IFEF-anoj pro siaj oftaj kongrespartoprenoj jam konas aĝas hodiaŭ 38 jarojn, esperantistiĝis 1960, estis sekretario de DEFA en la jaroj 1961 — 63, nun funkcianta prezidanto de DEFA kaj komitatano de IFEF ek de 1966, vicprezidanto de LKK en la jubilea-kongreso 1973, partoprenis la laborojn de la statut-komisiono de IFEF kaj esence kontribuis al bonega pozicio de DEFA en la dana asocio de FISAIC. Estas transport-konsilisto. Proponanto de la kandidato Hauge estas la germana komitatano W. Grass.

Pro demisio de la nuna IFEF-redaktoro necesas nova funkciulo. Kandidato estas:

GUY DELAQUAIZE

Guy Delaquaize kiun multaj IFEF-anoj pro siaj aktivecoj kaj vizitoj dum kongresoj jam konas naskiĝis la 29-an de julio 1921. Esperanistiĝis en 1948, kiam en kurso de f-ino Lemonnier li lernis la lingvon. De 1952 ĝis 1970 estis membro de FFEA-estraro en kiu li okupis la funkciojn de redaktoro unue kaj de prezidanto poste (1963—70). Vicprezidanto de LKK Avignon, ek de 1970 komitatano IFEF. Profesie okupas la funkcion de administracia inspektoro.

Proponanto de la kandidato Delaquaize estas FFEA-prezidanto P. Robiolle.

## Kongresproponoj al la 26-a IFEF-kongreso en Tarragona

*Kongrespropono 1* de GEFA

Ĉiuj landaj asocioj estonte *tuj* post decido pri dato kaj loko de sia venonta jarkunveno, ĝenerala kunveno aŭ alia tre grava aranĝo sciigu ĉi tiujn indikojn al la IFEF-sekretariejo kaj per kopio al la IFEF-redaktoro, kiu senprokraste publikigu ilin sub «Administraj informoj» en la sekvonta numero de «IF».

*Komentario:* Ofte jam okazis, ke la estraro ne aŭ ne sufiĉe frue estis informita pri planitaj jarkunvenoj. Pro tio ne eblis sendi reprezentanton aŭ saluton. Ankaŭ vizitoj de interesuloj el aliaj landaj asocioj tiel estas malhelpataj. La korekta realigo de tiu propono ebligus fruan planadon de vizitoj.

*Kongrespropono 2* de komitatano Greutert

D-ro Istvàn BACSKAI estu por la venonta laborperiodo 1974 — 1977 reprezentanto de IFEF ĉe UEA kaj pro tio re-elektata kiel komitatano A de UEA.

*Kongrespropono 3* de NEFA

Alvenis post la limtempo kaj pro tio la komitato unue devos decidi, ĉu tiun proponon ĝi deziros konsideri.

NEFA proponas aldonon al punkto 17 de la Kongresa regularo, kie tekstu jene: «Reduktita kongreskotizo validas nur por tiuj familianoj, kiuj estas membroj de IFEF».

*Komentario:* La celo estas instigi la membrojn anigi la familianojn al nia asocio.

*La ĉefkomitatano*

# ESTIMATA REDAKTORO DE INTERNACIA FERVOJISTO

De kiam JELF ricevis respondojn de alilandaj kolegoj por nia enketo de salajro kaj laborkondiĉoj pasis jam dekkelkaj monatoj, kaj la rezulton ni raportas, kvankam ne tre kontentigan.

LABORKONDIĈOJ DE FERVOJISTOJ EN LA MONDO

En kiaj laborkondiĉoj laboras fervojistoj en la mondo?

Japana Esperantista Ligo Fervojista sendis al 42 filioj de IFEF aŭ korespondantoj ne fervojistaj sume en 37 landoj raporton pri laborkondiĉoj de kolegoj de la japana nacia fervojo, kaj petis de ili samon enketi. Venis al ni respondj el 20 landoj, el kiuj ni prenis 14 por enketo.

Pro tio ke ni estis nespertaj, ni senkompare kun prezoj de pano, viando kaj aliaj enketis ankaŭ pri salajroj, tamen la respondintoj afable skribis ankaŭ pri salajroj, kaj nia rezulto de la enketo publikigis sur la organĵurnalon de Laborista Unio de la Nacia Fervojo, la plej granda el laboristaj sindikatoj de la fervojo organizanta 230 mil kolegojn.

Koncerne de 3-an kolonon de la tabelo, semajnaj ferioj de kolegoj de GFR, GDR, Danio, Aŭstrio, Svisio estas ne responditaj, kaj ni prenigis la kolonon per enketoj de japana ministrejo.

La ministrejo komunikis, ke en tiuj landoj plejmulto da laboristoj ŝtataj aŭ publikaj havas du tagojn da libertempo semajne, do ni metis la ciferojn en la kolonon.

Pro maldiligenteco de sekretario nun raportanta prokrastiĝas raporto sur tiu ĉi paĝo, kaj ni nur por ni japanoj utiligis frukton de la kunlaboro, via, sed de nun oni povas ŝanĝi ciferon koncernan de la tabelo per reciproka korespondado, kaj kiu ajn povas ĝin utiligi.

Resumante la enketon kaj publikiginte la rezulton ni konkludas jene.

1. Estas ĝojo ke ni povas argumenti, ke Esperanto vivas kiel internacia lingvo, kaj ĝin ni praktike uzas.
2. Ni povas demonstri, ke Esperanto ligas nin kun fervojistoj en la mondo.
3. Nur 21 estas nombro de la membroj de JELF, kiuj unuiĝante kunlaboris kaj povis kontribui por la bono de kelkcentmiloj de japanaj fervojistoj.
4. Ni povas respondi al la frataj filioj de IFEF, ke JELF vivas.

Laste ni havas ankoraŭ unu peton al vi kolegoj, se viaj laborkondiĉoj traktitaj en la tabelo ŝanĝiĝas, bonvolu informi al ni la korekton.

Vidu tabelon en paĝo 11!

*raportas OSIOKA Moritaka*
*sekretario de JELF*

## LABORKONDIĈOJ DE FERVOJISTOJ EN LA MONDO

| lando | laborhoroj semajne | libertagoj semajne | jaraj libertagoj |
|---|---|---|---|
| Francio | 40 | 2 | 28 |
| Italio | 40 (oficisto 36) | 2 | 26 |
| Britio | 40 | 2 | |
| Germanio GFR | 42 | 2 | 30aĝa 24<br>40aĝa 28<br>pliaĝa 30 |
| Svedio | 40 | 2 | 30aĝa 33<br>40aĝa 36<br>pliaĝa 40 |
| Danio | 41 3/4 | 2 | 24 |
| Belgio | 41 1/2 | 2 | 18 — 24 |
| Norvegio | 42 1/2 | 2 | 24 |
| Aŭstrio | 42 | 2 | 21 |
| Svisio | 44 | 2 | 40aĝa 28<br>50aĝa 35 |
| Nederlando | 42 | 2 | 15 — 29 |
| Hispanio | 48 (oficisto 36) | 1 | 25 |
| Brazilo | 48 | 1 | 20 |
| Germanio GDR | 43 3/4 | | 15 — 28 |
| Japanio | 44 | 1.5 | 20 |

| aĝolimo | emerituro |
|---|---|
| 60 | deĵorjaro x 1/50 37.5 deĵorjare 75% |
| 62 | 37 deĵorjare 80 % |
| 65 | c. 75 % |
| 65 | 35 deĵorjare 75 % |
| 66 | 30 deĵorjare 65 % |
| 67 | 26,000 kr. jare. (10 deĵorjare salajro 2928 kr. monate) |
| 65 | 75 % |
| 70 | 30 deĵorjare 66,66 % |
| 65 | 10 deĵorjare 40 %, 20 jara 57 %, maksi. 83 % |
| 65 | 30 deĵorjare 60 % |
| 65 | 40 deĵorjare 80 % |
| 64 | |
| 70 | 30 deĵorjare 70 % |
| 65 | 45 deĵorjare 70 % |
| 55 | 20 deĵorjare 40 %, pluaj jaroj x 1.5 % |




# ADMINISTRAJ INFORMOJ

## JARKALKULO 1973

*Enspezoj:*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kotizoj 1972 | fr. 785,— | | |
| Kotizoj 1973 | » 14.200,50 | fr. | 14 985,50 |
| Adoptaj Kotizoj | | » | 365,— |
| Jubilea Fonduso | | » | 1 744,28 |
| Rentumoj | | » | 545,79 |
| Diversaĵoj | | » | 25,— |
| | | fr. | 17 665,57 |

*Elspezoj:*

| | | |
|---|---|---|
| Internacia Fervojisto | fr. | 9 893,80 |
| Estrarkunsidoj | » | 917,15 |
| Administrado | » | 404,82 |
| Reprezentado | » | 295,80 |
| Kotizoj UEA + SAT | » | 142,— |
| Jubilea Fonduso | » | 1 744,28 |
| Veterana Kunveno | » | 510,60 |
| Listo fakprelegoj kongreslibro | » | 223,— |
| Kongres-Emblemoj | | 159,30 |
| Junularo- Skisemajnoj | » | 82,20 |
| Gazet-abono | | 36,— |
| Postpagitaj kotizoj 1972 | | 785,— |
| Diversaĵoj | » | 76,90 |
| | fr. | 15 270,85 |
| Plienspezoj | fr. | 2394,72 |

*Bilanco, je la 31a de dec. 1973.*

*Aktivoj:*

| | | |
|---|---|---|
| Kaso | fr. | 136,47 |
| Bankkonto 471 | » | 5 600,35 |
| Depon- kaj Ŝparlibroj | » | 10 621,40 |
| | fr. | 16 358,22 |
| Inventaro | » | 1,— |
| | fr. | 16 359,22 |

Romanshorn, 9-a januaro 1974
la kasisto: O. Walder.

*Pasivoj:*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kongresa Garantia Fonduso | | fr. | 1 296,50 |
| Jubilea Fonduso | | » | 1 744,28 |
| Havaĵo 1.1.1973 | fr. 10 923,72 | | |
| Havaĵpliigo 1973 | » 2 394,72 | | |
| Havaĵo 31.12.1973 | | fr. | 13 318,44 |
| | | fr. | 16 359,22 |

Zürich, 12-a de januaro 1974
la revizoroj:
E. Rohner J. Jüstrich H. Noll

# MEMBROSTATO DE IFEF

| Lando | 1973 | 1972 |
|---|---|---|
| Aŭstrio | 202 | 175 |
| Belgio | 50 | 25 |
| Britio | 22 | 21 |
| Bulgario | 120 | 190 |
| Ĉehoslovakio | 85 | 100 |
| Danio | 85 | 85 |
| Finnlando | 25 | 25 |
| Francio | 320 | 280 |
| Germanio | 872 | 850 |
| Hispanio | 230 | 205 |
| Hungario | 201 | 201 |
| Japanio | 21 | — |
| Italio | 115 | 115 |
| Jugoslavio | 60 | 60 |
| Nederlando | 88 | 95 |
| Norvegio | 53 | 51 |
| Polio | 25 | 25 |
| Rumanio | 20 | 20 |
| Svedio | 180 | 180 |
| Svisio | 110 | 110 |
| Izolaj membroj | 8 | 12 |
| Adoptitaj membroj | 27 | 27 |

IFEF havas membrojn en 28 landoj.
Romanshorn, 1. jan. 1974 la kasisto:
O. Walder.

La IFEF-estraro plej kore dankas pro la amikaj bondeziroj kaj salutoj okaze de la Kristnaskaj festotagoj kaj de la Nova Jaro. Ne eblas respondi al tiuj multnombraj simpatiesprimoj. Bonvolu kompreni tion kaj akcepti nian dankon per ĉi tiu vojo.

*

La 10-an de novembro okazis estrarkunveno en Basel. Ĉefaj traktaĵpunktoj estis la programo kaj tagordoj de la 26a IFEF-kongreso, problemoj de la venonta estrarelekto, nuna stato de la IFEF-junularo, plenumo de kongresdecidoj, partopreno en la Universala Kongreso Hamburg, laborplano kaj aliaj. La ĉefkomitatano, kiu ĉeestis kiel gasto, intertempe forsendis la 2an cirkuleron, kiu i.a. enhavas kelkajn el la traktitaj punktoj.

*

Antaŭ nelonge mi ricevis sendaĵon por la IFEF-biblioteko, nome vortaron ESPERANTA-SLOVAKA kaj SLOVAKA-ESPERANTA en verd-kolora plasta bindaĵo kun E-stelo, presita sur bona papero, formato 12 x 17 cm, 836 paĝa kun jena dediĉo:

«Ĉi tiun honor-ekzempleron de l' Esperanta-slovaka kaj slovaka-Esperanta vortaro — atestante pri fervojista aktiveco en la Esperanto-movado — dediĉas al la IFEF-biblioteko.
la aŭtoro: Š.R. Seemann em. ferv. ĉefinisp.»
Bratislava, aŭtuno 1973

Samideano Seemann, kiu ankaŭ estas aŭtoro de la «Fervojista kanto,», verkinta ĉi tiun en la jaro 1949, certe ne antaŭvidis ke li iam en la estonteco mem serioze dokumentus jenan frazon de la kanto, kiu sonas «Fervojisto, fervojisto estas hom' ne kia ajn».

En la nomo de la tuta IFEF-membraro mi dankas al la aŭtoro por la imitinda aktiveco.

*La Sekretariino*

## Nekrologoj

2 jugoslaviaj veteranoj forpasis

**LUDOVIKO PREBIL**

naskiĝis la 9an de aŭgusto 1900, laboris kiel fervojisto en pluraj fervojaj stacioj kaj emeritiĝis kiel faka instruisto en Fervoja industria lernejo en Maribor. Esperantiĝis en la jaro 1926, gvidis plurajn kursojn precipe por fervojistoj kaj aktivis ankaŭ en la Internacia Asocio por fervojistaj Esperantistoj, kiam ĝi estis gvidata de jugoslavoj. Estis dua sekretario de Jugoslavia Esperanto Ligo kaj redaktis ĝian organon «Konkordo».

Post la milito li denove aktivis inter fervojistoj, gvidis kursojn, prelegis, kaj en la jaro 1958 li aktive partoprenis en fondo de fervojista Esperanto-societo en Maribor. En la jaro 1971 li estis unu el la pilonoj de LKK de la 23a IFEF-kongreso en Maribor.

Lia aktiveco en la kunordiga konferenco por enkonduko de Esperanto en lernejojn estis ankaŭ tre rimarkinda.

Li forpasis subite post mallonga malsano la 19an de oktobro 1973.

*

**BRANKO MAKSIMOVIC**

naskiĝis en 1906. Antaŭ la milito konata organizanto en la Esperantomovado. En Beograd 1925 li ekzemple malfermis kurson kun pli ol 100 partoprenantoj. Post la milito estis membro de la plenumkomitato de JAFE kaj prezidanto de JEL, ankaŭ prezidanto de LKK en la 29a SAT-kongreso 1956. Deĵore i.a. estis Ĝenerala Direktoro de la fervojoj en Serbio. Partoprenis aktive an la naciliberiga batalo.

*

*Germanio*

Nia kolego Herbert K i n z e l perdis sian **EDZINON.**

La 12an de novembro ŝi entombiĝis en Delitzsch/Sa.

Iliaj geamikoj eterne memoros ili.



## FERVOJNOVAĴOJ

# LA RAPIDTRAJNOJ DE LA ESTONTECO

Tri brilantaj novpentritaj trajnoj staras sub vitra tegmento. La unua el ili estas tagekspreso, kiu atingas rapidecon je 200-250 km. po h.

La dua trajno estas noktotrajno.

La pasaĝeroj restas en ĝi nokte, kaj ili alvenos al la vojaĝcelo dum la venonta mateno.

La trajno n.ro tri estas «turist-trajno» (feriotrajno), kiu laŭ la plano veturas

milojn da kilometroj kun longedaŭraj haltadoj dumvoje. Tiajn trajnojn oni ankoraŭ ne havas. Ili apartenas al la estonteco. La trajnoj nur ekzistas en la desegnaĵoj de la teknikaj desegnistoj. Estas grave eviti ke tiuj pasaĝervagonoj konstruataj nuntempe, post 15 — 20 jaroj ne estu malmodernaj kaj ne en akordiĝo kun la postulo de la publiko koncerne lukso kaj komforto.

Kiel la desegnistoj imagas la aspekton de la rapidtrajnoj en la plej proksima estonteco?

Antaŭ ĉio ili supozas ke okazos ŝanĝo en la organizado de pasaĝertransporto.

Verŝajne la aviadiloj prizorgos la ĉefparton de la pasaĝertrafiko en distancoj pli ol 2000 km, kaj la mallongdistancan trafikon supozeble la aŭtomobiloj prizorgos.



*En Sovjet-Unio oni nun provveturas jetlokomotivon kun plej alta rapideco je 300 km.po h.*

Kiam temas pri la fervojoj, estas tri tipoj da trajnoj kiuj estos plej taŭgaj: tagekspresoj konstruitaj por distancoj ĝis 800 km; plej taŭgaj: tagekspresoj konstruitaj por distancoj ĝis 800 km; noktekspresoj kun litvagonoj por distancoj 800 ĝis 2000 km. kaj fine: «turist-trajnoj» (feriotrajnoj) por distancoj ĝis 10 000 km. kaj eĉ pli longe.

La pasaĝertrajnoj en Sovet-Unio estas kunvelditaj, kun luksaj kupeoj, larĝaj fenestroj kaj plaĉa ventoladsistemo.

Sed en la estonteco la pasaĝeroj postulos pli da komforto. Jen ni prezentas du modelojn da tagtrajnoj por pasaĝertrafiko. La unua vagono estas konstruota por 78 vojaĝantoj.

En ĝi estas komfortaj ripozseĝoj, dum en la alia estos 56 sidlokoj, ankaŭ kun bufedo.

Ekzistos ankaŭ du tipoj da duetaĝaj vagonoj por nokt-trajnoj. Unu el ili havos 60 dormlokojn en formo de 26 dulitaj kaj 8 unulitaj kupejo.

Pere de ŝanĝigeblaj vandoj oni povas pligrandigi la dulitajn kupeojn, kaj la kunfoldeblaj divanoj fariĝas dumtage al komfortaj sidlokoj. La alia tipo havos restoracion en la suba etaĝo, dum la supera etaĝo estos por familioj kun infanoj.

En la «Turist-trajno» (Feriotrajno) nature estos pli da luksaj ekipaĵoj.

En ili estos tri vagontipoj: kupevagonoj kun 39 litoj, unu vagono kun trinkejo kaj kunvenejo, kinejo kaj ŝportĉambro, kaj vagono kun kuirejo.

La manĝaĵo estos transportata per malpezaj vagonetoj tra la trajno. Dum la vojaĝo la pasaĝeroj povos telefoni kien ajn.

Cetere estos en la trajno gazet-kiosko, biblioteko kaj ejo por kuracigado.

En la kupeoj kaj salonoj estos radio kaj televido.

*

El Jernbanemanden, Oslo. Verkita de S. Aleksejev (APN)

De norvega: Odd Kolbrek.



# EL LA FERVOJISTA MONDO

Svisio:



En multaj fervojadministracioj oni nun forlasas la tradiciriĉan flugilradon kiel simbolo.

Anstataŭe venas pli modernaj desegnaĵoj, jen ni prezentas la novan simbolon por la fervojoj en Svisio.

(Kliŝo: NSB, Oslo).

Danio:

*Honorado al 2 elstaraj DEFA-anoj.*

Vidu la frontpaĝon.

Semajnfine la 3-an kaj la 4-an de novembro 1973 DJIF (Dana Fervojista Sporta kaj Libertempa Asocio) okazigis sian ĉiujaran reprezentado-kunvenon en hotelo Princess, Herning, Danio.

Sabate okazis kunvenoj de la diversaj sportaj kaj kulturaj sekcioj de DJIF.

Dimanĉe okazis la reprezentado-kunveno kun partopreno de 75 reprezentantoj kaj 4 gastoj. 35 sekcioj estis reprezentataj. Ĉiu sekcio rajtas partopreni per po 3 reprezentantoj. Por DEFA partoprenis Henning Hauge (prezidanto de DEFA), Ingvard Kensing (LKK-prezidanto de la 25-a kongreso) kaj Jørgen Kruse, Kopenhago. Ni ekhavis la ĝojon, ke Henning Hauge kaj Ingvard Kensing en la kunveno estis honorataj per oraj honoraj insignoj de DJIF pro iliaj laŭdindaj agoj koncerne la jubilean kongreson en Århus. Ili vere meritas tiujn orajn insignojn, kaj mi kore gratulas. Ankaŭ alimaniere DJIF honorigis nian asocion, nome ke DEFA estis elektata kiel «La Asocio de la Jaro 1973 pro la bone aranĝita jubileo-kongreso, kaj Henning Hauge, kiel prezidanto de DEFA, ricevis kristaloskulptarton. Korajn gratulojn!

*Jørgen Kruse.*

## Anonco

KOMUNIKO

Okaze de la granda turisma movado la sankta jaro 1974-1975, la provinca turisma organizaĵo de Romo (E.P.T.) sin deklaris preta republikigi bildajn broŝurojn pri romaj monumentoj kaj vidindaĵoj en Esperanto, kondiĉe ke ĝi konstatu pro la nombro da petoj, la utilon kaj la oportunon de tialingva broŝurpresado.

Sekve ĉiuj interesatoj, personoj kaj grupoj, estas konsilataj peti senprokraste esperantlingvajn broŝurojn skribante al: E.P.T., via Parigi n. 1, 00187 Roma, Italio.

La redaktfino por la venonta
IF estas 5.3. 1974.
Presita de presejo A. Sæther A.s.
N-2300 Hamar, Norvegio.